15 OKTOBRO 1908 Unu Numero : 15 CENTIMOJ (6 Spesdekoj) KVARA JARO. — N° 41

# ★ ESPERANTO ★

OFICIALA ORGANO DE LA UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

Duonmonata Internacia Gazeto

ABONO
Unu Jaro . . . S. 1.60 (4 frankoj).

Oni abonas ĉe la Administrejo
8, Rue Bovy-Lysberg, 8, Genève (Svisujo)
aŭ ĉe la lokaj agentoj

DIREKTORO :
HECTOR HODLER
8, Rue Bovy-Lysberg, 8
Genève (Svisujo)



## La lingvo kaj la popolo

El la kontraŭuloj de Esperanto ofte venas argumento, kiu por personoj ne konantaj aŭ ne komprenantaj nian movadon, havas ŝajnon de nerefutebla praveco. « La lingvo — ili diras — estas la plej nobla kaj certa esprimo de la propra genio de tia aŭ alia popolo aŭ raso ; ĝi estas io vivanta kaj profunda, kiu iam estis balbuto kaj fortikiĝis dum la heroaj destinoj de popolo ; ĝi estas la mirinda resumo de la etnika kaj historia evolucio de raso, sankta trezoro, kiun mil da homoj formis per sia doloro kaj ĝojo, al kiu ili estas alĉenigitaj per multego da intimaj ligiloj. Lingvo arta, apartenanta al nenia popolo, respondanta nur pure materialajn bezonojn, ne povos longe ekzisti ; al ĝi mankas animo kaj viva principo ; post kelkaj modaj sukcesoj, ĝi pli-malpli frue pereos, disdividita pro reformemeco, ĉar al ĝi la homoj ne estos ligitaj per tiu sama amo, kiun ili havas al sia patra lingvo. » Tiu argumento estas la konvinko de la plej multaj sciencistoj, filologoj, historiistoj kaj literaturistoj, krom kelkaj esceptoj, ĉefe sistemaj reformistoj, kiuj opinias, ke ĉio povas esti ŝanĝata per dekreto, inspirita de pura logiko. Respondi ĝin per neo estus montro de nesciо pri la vera karaktero de nia movado kaj manko de lingvosento.

Lingvo, efektive, ne estas simpla konvencia signaro, pli-malpli perfekta, kaj kiel ĉia signaro, io dekrete kaj subite ŝanĝebla, laŭ postuloj teoriaj ; ĝi ankaŭ ne estas objekto, kiel bicikledo aŭ aŭtomobilo, kies perfektiĝo dependas de la progreso de la homa mento. Lingvo estas antaŭ ĉio *socia* fakto ; ĝi estas io absolute, konstante dependanta de la popolo, kiu ĝin ĉiutage uzas kaj de kiu ĝi estas neapartigebla ; ĝi fidele esprimas ĝian historion kaj pensmanieron tra la jarcentoj, kaj laŭ la amo de popolo al ĝia lingvo oni povas mezuri kiom ĝi suferadis kaj bataladis por ĝin konservi kaj gardi kontraŭ atencoj. Ĉiutagaj faktoj pruvas la fortikecon de la ligilo inter lingvo kaj popolo. Kiel agas la popolo, kiu post venko subpremas alian ? Ĝi komencas per tio, ke ĝi ĉiel penas forpeli la propran lingvon de la venkito, neniigi la rememorojn al ĝi, malhelpi ĝian kreskadon kaj instruadon, esperante, ke dank'al tio la subpremato nutriĝos per la produktajoj de la subpremanto kaj tiel nekonscie perdos sian individuecon. Tre multaj estas ankoraŭ nun la ekzemploj de de tiu alinaciigo per alilingvigo. Kiel aliparte agas tiuj popoloj, kiuj reviviĝas el subpremiteco, se ne per tio, ke ili fervore prilaboras sian lingvon, instigas al la verkado per ĝi kaj ĉiel penas konservadi la patran heredajon, al kiu ili estas tiom pli alligitaj, ke ili intime suferadis pro ĝi. Lingva reviviĝo ĉiam koincidas kun nacia reviviĝo ; ĉie lingvo necesigas difinitan popolon. De la momento kiam tiu popolo dividiĝas, ankaŭ dividiĝas ĝia lingvo, kaj, se iam la spirita influo de tiu popolo preterpasas ĝian faktan dividiĝon, tio estas por ĝia lingvo nur krepusko, kiu nepre rezultas en morton, kiel pruvis la lingvo latina post la fino de la latina regno.

Ĉu do de tio rezultos, ke Esperanto ne povos vivi, ĉar ĝi — laŭ la opinio de la homoj ne komprenintaj nian movadon — apartenas al neniu difinita popolo ? Akcepti tiun konkludon signifus plenan nekonon de nia movado. Tial niaj kontraŭuloj, deirantaj el ĝusta vidpunkto, konkludas erare, ĉar ili opinias, ke Esperantismo estas *lingvistika*, kaj ne *socia* movado. Por tion kompreni, estas efektive necesa koni Esperantismon ne nur per libroj, sed ankaŭ per faktoj, partopreni ĝian vivadon, ĉeesti niajn kunvenojn kaj precipe niajn neforgeseblajn kongresojn, rilatadi per Esperanto kun diverslandaj, diversrasaj samideanoj, koni ĝian strangan kaj instruoriĉan historion. Oni konstatos tiam, ke inter Esperantistoj estas komuna ne nur lingva signaro, sed profundaj kaj multaj ligiloj de solidareco kaj samideaneco analogaj al tiuj, kiuj ekzistas inter membroj de sama popolo — ligiloj, kiuj estis kreitaj de la lingvo kaj plifirmiĝos, laŭ tio, ke pligrandiĝos la uzo de tiu lingvo. Popolo ne devige estas aro da homoj, enfermitaj per difinitaj limoj kaj protektitaj per kanonoj kontraŭ ĝiaj najbaroj. Popolo estas antaŭ ĉio kolekto da homoj, havantaj super siaj individuaj, familiaj aŭ regionaj malsamajoj, ion superan, kiu faras ilin unuigitaj kaj solidaraj unuj kontraŭ la aliaj. Plej grava unuigilo estas la lingvo, kaj eĉ se popolo ne havas propran organizon kaj estas disigita en alia popolo, ĝi tamen ekzistas, se ekzistas ĝia lingvo. De la fakto ke homoj estas interligitaj per lingvo, rezultas popolo, aŭ nacio, organizita formo de popolo, kaj konsekvence nedubebla solidareco, kiu rompiĝos nur tiam, se la popolo disiĝas. Popolo, kaj precipe nacio, distingiĝas per tio, ke ĝi estas neŭtrala rilate al la homoj, el kiuj ĝi konsistas ; ŝtato ignoras individuajn, familiajn, provincajn, eĉ dialektajn, malsamajojn. Ignori ne signifas detrui aŭ malrespekti. Kontraŭe, en civilizita regno, ĉiu rajtas libere elmontri sian individuecon, konigi la specialajojn de sia provinco, propagandi siajn ideojn en maniero kiel eble plej larĝa, konkeri ke li ne altrudos ilin al siaj samregnanoj. Tiel same Esperantismo ignoras naciecon, genton, rason, nacian lingvon, kaj kvankam ĉiu rajtas konigi sian nacion, morojn, kutimojn kaj instituciojn, disvastigi per Esperanto la verkojn de sia popolo, propagandi per ĝi siajn opiniojn, neniu rajtas *trudi* tiujn morojn, tiujn verkojn, tiujn opiniojn al aliaj, aŭ konsideri, ke liaj gentaj moroj, verkoj aŭ opinioj devas esti akceptataj kiel deviga normo. Kiam en ia regno, iu parolas en la nomo de la popolo, li ignoras la individuajn apartajojn kaj zorgas nur pri tio, kio iel ajn unuigas siajn samgentanojn ĉar regno estas supera unuajo ; tiel same, tuj kiam iu parolas en la nomo de Esperantismo, li zorgas nur pri tio, kio iel ajn kunigas kaj plifortikigas malsamgentajn *samideanojn*. Niaj kunvenoj, niaj kongresoj estas, en ankoraŭ tre modesta formo, la plej klara konkretigo de Esperantismo kaj pruvo de la ekzisto de « Esperantista popolo » : unuflanke, okazas specialaj kunvenoj, ĉu laŭ metio, ĉu laŭ ideoj, ĉu laŭ nacioj, en kiuj ĉiu rajtas defendi kaj triumfigi sian propran opinion por la plibono de sia korporacio, sed, aliflanke, kiam kunvenas ĉiuj Esperantistoj antaŭ la verda standardo, ili sin okupas nur pri tio, kio servas al la tuta korporacio esperantista kaj ignoras metiajn, ideajn, aŭ naciajn korporaciojn — ĉar Esperantujo estas supera unuajo. Kaj kiel en regno ju malpli da bariloj ekzistos inter malsamlokaj samregnanoj des pli forta estos la regno, tiel same en Esperantujo ju pli da pontoj ekzistos inter malsamgentaj samideanoj, des pli ni proksimiĝos al la realigo de la interna kaj supera ideo de Esperantismo.

Fakte, krom tempaj diferencoj de grado, tio plene similigas la Esperantistan popolon — aŭ, eble, pli ĝuste superpopolo, — al ĉia alia popolo, kaj Esperanto estas la ĉiutaga lingvo, de tiu kvazaŭa superpopolo kaj plenumas tute saman rolon, kiel nacia lingvo al ĝia propra popolo. Tiel same Esperanto evolucios kiel ĉia lingvo vivanta ; dum ĝia popolo restos unuigita, ĝi ankaŭ restos unu kaj memstara, kaj kiel lingvo nacia taŭgas por ĉio, tiel Esperanto ankaŭ devas taŭgi por ĉio, por poezio kiel por la plej materialaj bezonoj, ĉar la rolo de lingvo vivanta estas nelimigebla. Tiu sama spirito de neŭtraleco, kiu estas la kreanta ideo de Esperantismo, estas cetere plene retrovebla en la formo de la lingvo ; nenia sistemo, kiel Esperanto, estas, en tiel alta grado. vere neŭtrala ; en ĝi sola ekvilibriĝas kaj neŭtraliĝas plej diversaj gentaj pensmanieroj ; tuj kiam oni eliras el ĝi oni lasas la superecon al la pensmaniero de tia aŭ alia gento (plej ofte la latina trudema pensmaniero) ; kaj, sekve, la sistemo ne plu taŭgas por sia rolo. La kreinto de Esperanto profunde *sentis* la internaciecon — kiu ne estas io matematike kalkulebla — ĉar antaŭ li staris inter loĝantoj de lia malgranda naskurbo ĝuste tio sama, kio en supera grado ekzistas inter popoloj de nia civilizita mondo.

Esperanto do ne estas la proprajo de la mondo, sed, kiel ĉiu lingvo, la proprajo de siaj konstantaj uzantoj, la apartenajo de la « popolo Esperantista ». Esperanto estas neapartigebla de tiuj homoj, kiuj estas nomitaj Esperantistoj, de longaj jaroj laboradis por ĝi, al ĝi jam havas kaj pli kaj pli havos tiujn milojn da ligiloj, kiuj kunigas popolon al ĝia lingvo : ligiloj materialaj kaj moralaj, kiuj rompiĝos nur se tiu popolo perdas la konscion pri sia unueco kaj la postuloj de Esperantismo. Tiu popolo ekzistas. Ankoraŭ tre malgranda kaj tre dissemita ĝi estas sur la vasta mondo, sed sian estadon ĝi pruvas per la vivo ĉiutaga, sian konscion ĝi pruvis, defendante energie sian lingvon kontraŭ atencoj.

Ne, « esperantista popolo » ne estas « infana ĥimero » aŭ « ridinda metaforo », ĉar lingvo ne povas vivi sen *sia* popolo. Tiu malgranda popolo ĉiutage kreskos, kaj ju pli ni multiĝos kaj plirealiĝos la ligilojn, kiuj ekzistas inter ĝiaj membroj, des pli ĝi fortikiĝos kaj potenciĝos. Se ni konscias pri la plena signifo de Esperantismo kaj ĝia fundamenta ideo, se nia popolo konservas sian unuecon kaj plifortigas ĝin per la kolektiva laborado de siaj anoj, nia lingvo neniam mortos, sed, male, pli kaj pli riĉiĝos kaj perfektiĝos, kaj iam super ĝi brilos la gloro, kiu kronis la naciajn lingvojn en la momento de ilia prospereco, tio estas en la momento kiam ilia popolo en plena unueco kaj ordo, laboradis por sama idealo.

H. Hodler.

## TRA LA MONDO

### BELGUJO

Bruselo, Oktobro 1908.

*Kongolando ; ĝia historio ; ĝia situacio morala ; ĝia estonteco.*

Antaŭ kelka tempo la Belga Parlamento, kiel oni antaŭvidis kaj post multaj diskutoj, voĉdone aprobis la anekson de Kongolando al Belgujo. En la momento kiam komenciĝas nova epoko por tiu afrika lando, estas eble utila mallonge rememorigi pri ĝia historio.

Antaŭ jaro 1875a, Kongolando estis apenaŭ konata ; neniu Eŭropano estis vojaĝinta en ĝi. Kunvokante internacian konferencon geografian en Bruselo, reĝo Leopoldo unue altiris la atenton de la mondo al tiu mistera centrafrika lando. Je 1879, kelkaj Belgaj, Francaj kaj Germanaj oficiroj estas alsenditaj por esplorado. En tiu sama epoko, la fama esploristo Stanley estis akceptita de reĝo Leopoldo, kiu lin sendis Kongolandon, kie lin fondis Leopoldville (Leopoldurbo). Je la 26a de februaro 1885, la tiel nomita Akto de Berlino estis subskribita kaj per tio la Sendependa Ŝtato de Kongolando kreita ; la reĝo de Belgujo estis elektita kiel estro de tiu vasta lando, kies areo atingas 2.400.000 kilometrojn.

Kongolando estis, en la pura senco de l'vorto, sovaĝa lando ; ĉio estis kreota kaj tiu entrepreno ŝajnis tiam kaj efektive estis malfacilega. Al ĝi la reĝo dediĉis sian tutan riĉajon ; li konstruigis — ne sen multaj ĉiuspecaj malhelpoj — fervojajn liniojn, starigis plantejojn, efektivigis gravajn laborojn por enpenetrigi iom da civilizacio en tiujn neniam vizititajn regionojn. Ĉu li sukcesis en sia tasko ? Laŭ la opinio de la plej multaj esplorintoj, Kongolando faris mirindajn progresojn. Sendube, ĉio estas malproksima al perfekteco. Tro ofte, la reĝaj agentoj ne estis neriproĉindaj ; gravaj trouzoj kaj administraj malbonaĵoj estis konstatitaj ; tro ofte oni aŭdis, ke la enlanduloj estas severe kaj sklavige traktataj. Sed tiuj plendoj — cetere, kompleze pligrandigitaj de iaj misiistoj el aliaj interesataj regnoj — valoras ne nur por Kongolando Belga, sed por ĉiuj kolonioj de tute sovaĝaj gentoj, kien civilizacio ne enpenetras sen la akompano de gravaj difektoj. Oni legu iom pri la procedoj de koloniigado uzitaj de tiuj samaj regnoj, kiuj iafoje protestas kontraŭ la « skandaloj » de Kongolando kaj predikas en la nomo de la rajtoj de la enlanduloj : oni konstatos kiel senrajtaj estas iliaj plendoj, ne per si mem sed kompare kun tio, kio ekzistas.

Oni ankaŭ tre ofte riproĉis la reĝon de Belgujo, pri la grandaj riĉajoj, kiujn li ricevis de sia kolonio. Verdire, la unuaj kaŭĉukaj plantejoj liveris gravajn profitojn, la eburno troviĝis en granda kvanto, kaj de tio la reĝo ne nur ricevis siajn elspezojn, sed plie, ricevis tre altan profiton, sed ĉi tio estas ŝuldata multe pli al la naturaj produktoj de la lando, ol al la ekspluatado de la enlanduloj, kvankam iuj parolas nur pri tiu lasta.

Pli prave oni riproĉis la reĝimon de Kongolando, ĉar ĝi nun sola proprajo de la reĝo, kiu ne povis ĝin koloniigi sen la helpo de multaj Belgaj oficiroj. Tiu hibreda stato, difinita de la Berlina Akto, jus ĉesis per la anekso al Belgujo. De nun, Kongolando apartenas al la Belga popolo, kiu sola respondos pri ĝi. Nia lando penos ĉiumaniere plibonigi tiun kolonion, forigi la malbonajojn juste riproĉitajn, kaj la vivkondiĉojn de la enlanduloj. Por nia lando, tiu kolonio estos grava instigilo de nia industrio kaj komerco. Jam Bruĝo — Bruĝo morta — reviviĝas kaj fariĝas marhaveno ; baldaŭ la marŝipoj povos iri ĝis la centro de nia lando kaj de tie elporti la enlandan produktajojn por la Afrika kolonio. Nia lando estas pli kaj pli troloĝata ; Kongolando estos mirinda kampo, kien povos veturi niaj filoj por koloniigi kaj laboradi. Fine, kolonio de neŭtra nacio, Kongolando estos libere malfermata al ĉiuj ajn nacianoj por la necesa civiliziga laboro kaj ĉio tio ankaŭ garantias, ke sub sia nova reĝimo Kongolando progresos, ĉar ĝi estos ne pure Belga, sed pli ĝenerale Eŭropa kolonio.

R. F.

### BRITUJO

Londono, Oktobro 1908.

*La Franca-Brita ekspozicio ; ĝiaj vidindajoj.*

Nia urbo, ĉiujare tre kvieta dum tiu ĉi epoko pro la veturado al la marbordo de ĉiuj libertempuloj, estas tre agitata kaj pli ol ĉiam interesplena pro la ĉeesto de multaj fremduloj, precipe francoj kiuj trapasis la maron por viziti la Franca-Britan ekspozicion. Kaj certe la « Blanka Urbo » — kiel oni ĝin nomas — estas vidinda kaj eĉ videnda.

Neniam en Londono, fama tra la mondo pro siaj ĉiujaraj ekspozicioj, oni havis tiel belan elmontrajon. Tage kaj nokte, ĝi haviĝas al ĉiu novajn spektaklojn ; ĝi ne nur estas loko de plezuro, sed ankaŭ loko de komerco. Oni efektive rimarkas ke granda parto el la vizitantoj ĝin ĉeestas nur pro komerca intereso. Industriistoj, komercistoj, instruistoj kaj eĉ artistoj ĉi tie trovas la oportunecon kompari ambaŭ britan kaj francan industriojn, aferajn metodojn, instruadon, k. t. p. ; samtempe ili faras al si novajn amikojn. Tiu amika konkurenco inter la du nacioj montras kiom ĉiu povas lerni unu el la alia en ĉiuj fakoj. En diversaj okazoj la Britoj superas la Francojn, kaj reciproke en aliaj, tiuj lastaj antaŭestas la insulanojn. Tial, ne estas amikoj de la « Entente cordiale » ĉeestas Seperdsbuŝ'on (Scheper's Busch), sed ankaŭ multaj ĉiulandaj aferistoj, dezirante utiligi en siaj propraj aferoj la plibonigajojn trovitajn ĉe siaj najbaroj.

Multaj tagoj estas bezonataj por detale viziti la ekspozicion vidpunkte ĉu de l'komerca, ĉu de l'plezura flanko. Pro manko da loko, ni nur citos resume la interesajojn vidindajn. Por unue vidas la longajn galeriojn rezervitajn al la publika kaj privata instruado, al la diversaj verkoj sociaj, kaj ankaŭ al la vivmaniero de ambaŭ nacioj. Elirante tiujn larĝajn koridorojn, ni vizitu unu post la alia la palacojn de la Britaj kaj Francaj industrioj, la Britaj teksajoj kaj ĥemiajoj, la industriaj artoj (franca kaj brita), tiujn de la urbo Parizo, de la Virinaj laboroj, de l'Belaj Artoj, de l'Muziko, de l'Sportoj, la vastajn halojn

difinitajn por ĉiaj ambaŭlandaj meĥanikajoj, k. t. p.

Flanke de tiuj mirindaj monumentoj enhavantaj ĉiujn produktojn kaj elpensaĵojn de la Patrolandoj, fiere staras la palacoj de ambaŭlandaj kolonioj : Alĝerio, Aŭstralio, Kanado, Hindujo, Novzelando, Senegalo kaj Tunizio elmontras sian riĉecon kaj samtempe la helpon kiun ili povas doni al siaj respektivaj ĉeflandoj.

Estus tro longe kaj malfacile memorigi la multnombrajn konstruaĵojn, pli belajn unu ol la alia, de privataj komercaj firmoj aŭ entreprenoj. Ni nur diru ke ĉiuj sin superigis por fari ion indan de la ĉiefama « Entente cordiale » unua kaŭzo de la nuna mirinda elmontrajo.

Ekzameninte rapidege la aferan flankon de la ekspozicio, mi provos doni ideon de la amuza parto de la entrepreno al kiu, oh ve ! tro multaj samideanoj ne havis la plezuron ĝin ĉeesti.

De la enirejo oni kredas sin transportitan en la Paradizo de Dante. La « Korto de Honoro », simila al Venizo pro sia lageto kaj blankaj monumentoj, estas zigzagita de elektraj ŝipetoj, kiuj en kelkaj minutoj vizitigas al vi la admiregindajn ĝardenojn surŝutitajn de la supre nomitaj kaj ankaŭ ne nomitaj palacoj, konstruajoj kaj amuzejoj.

La unua allogaĵo estas certe la « Flip-Flap » kiu havigas tute novan sensacion al la plezuramanto ; ĝi estas granda meĥanikajo sur kies meza parto sin apogas du brakegoj, longaj ĉiu je 50 metroj ĉirkaŭe. En kelkaj minutoj, dum kiuj la aervojaĝanto povas admiri de supre la tutan mirindaĵon, tiuj brakoj portas vin de unu ĝis la alia flanko de la ekspozicio. Tiamaniere la « Flip-Flap » kondukas de la « Kanada Toboggan'o » al la « spiralo », tempopasigilo tre agrabla por tiuj kiuj ne suferas kor- aŭ nervmalsanojn ; ĝiaj komfortaj veturiloj altiras vin en la aero, kaj ronda kurejo, ĝis alteco 25 metroj, tiam per rapideco ĉiam kreskanta, laŭvice malsupreniras kaj resupreniras vin en meĥanikajo simila al korktirilo. Kiam vi subite haltas ĉe la enirejo, vi ne scias per kiu hazardo vi ankoraŭ vivas !

Alia amuzaĵo por la riskemuloj estas la monta tramveturilo, kiu imagigas vojaĝon tra la Kanadaj montoj kaj lasas al la vojaĝintoj similan impreson kiel la Toboggan'o aŭ la Spiralo.

Amantoj de malnovaĵoj povas fari al si grandan ĝojon vizitante la « malnovan Londono'n », t. e., la urbo antaŭ la granda brulado en 1680. Dum preskaŭ unu horo, dank'al la kleraj klarigoj de la direktoro, ili imagas promenadi en la deksepcentjara Londono kaj revivi ĝian antaŭan vivon. Same dum la vizitado de la Tudor'a domo La Irlanda, Ceylana, Senegala, Hinda vilaĝoj, la Hinda tetrinkejo kaj la Hongkonga domo, estas tiom da interesaj lokoj kie la ĉeestantoj povas studi la morojn de la loĝantoj, kaj eĉ ricevi lecionojn praktikajn rilate uzadojn de la ĉiutaga vivo.

Ni ankaŭ ne forgesu citi la « Stadium » loko speciale konstruita por la Olimpiaj ludoj, kies raportojn niaj legantoj certe legis antaŭ kelkaj semajnoj kaj pri kiuj do ne estas necese paroli. Elirante tiun lokon, vespere post la artfajraĵoj, la « Blanka Urbo » havas vidiĝon nepriskribeblan ; ĉiuj palacoj, konstruaĵoj, eĉ la plej malgrandaj, estas elektre iluminataj kaj nur kun bedaŭro oni forlasas tiun eksterordinaran spektaklon, sed kun espero ĝin baldaŭ revidi.

P. BLAISE.

## HISPANUJO

Navarro, Oktobro 1908.

*La fama violonisto Sarasate ; lia amo al la naskolando.*

Sarasate la glora artisto, la nekomparebla violonisto kiu estis honoro de Hispanujo, precipe de Navarlando, kaj ornamo de l'arto jam mortis en Bajona'o.

Dum kvindek jaroj li portis sian violonon kiel gloran standardon tra la mondo, montrante al samlandanoj kaj fremduloj kion povas homo naskita en tiu ĉi apartigita Navarlando kiu estis lulilo de klesegaj artistoj. De la sama regiono estis Gajane, Arrieta, Zalbalza, Glava kaj aliaj, ĉiuj eminentaj artistoj ; sed neniu alvenis ĝis tia granda supereco nek montris tiom da amo por sia provinco.

Ĉiujare Sarasate je fiksita tago revenis en sian urbon por dediĉi al siaj samlandanoj siajn notojn la plej kortuŝigitajn, siajn akordojn la plej inspirtajn. Ankaŭ resonas al miaj oreloj la lastaj vibroj de lia violono, klaraj kaj harmoniaj kiel ĉiuj el li kiuj malfeliĉe, je tiu ĉi okazo, rezultis kiel la kanto de la cigno.

Dum lia lasta vizito kaj en la sama scenejo kie li ricevis la triomfojn pli amemajn, la pli savajn kaj la pli propramovajn de sia arta ofico li estis ordenita de S-ro Pamplon, urbestro, per la granda kruco de Alfonso XIIa, meze deliranta ovacio de la ĉeestantoj kaj la plej profunda emocio de la artisto.

En lia naska tero, Pamplona'o, estis la unua festo lia alveno, irante en la stacidomon ĉiuj samurbanoj por kisi lin kaj montri al li sian amon. La famaj koncertoj de la dirita urbo dum la festoj okazintaj honore S-ro Firmino estis grandioza spektaklo kie li fervore laboris, senpage, por kontentigi siajn samlandanojn.

Bruegaj estis la ovacioj kiujn li atingis en la Trokadero, Berlino, London, k. c. sed nenia esti tiel karesema kiel tiu de liaj samurbanoj. Meze de grava silento ĉe kiu oni divenis la kortuŝon de la ĉeestantoj la glora artisto sidiĝis kaj plorigis, kantigis kaj murmurigis sian violonon, forgesigante al ĉiuj iliajn penojn kaj malĝojojn, transportante la animojn de la aŭdantoj en nekonitajn regionojn je kiuj la vibroj de la emocioj kreis plezuron senfinan.

Sed li jam mortis ; li jam denove ne venos por ektremigi nin per la magio de sia arto ; jam oni ne ripetos tiun silenton gravegan je kiu ŝajnis ke la animo de la artisto ekflugis tra la aero elfarante ektremojn kaj delirojn laŭ la fantazio de la ĉeestantoj ; jam ni ne vidos tiujn okulojn brilantajn de emocio ; jam miloj da manoj ne aplaŭdos nek miloj da buŝoj ne aklamos la gloran artiston...

Hispanujo kaj Navarujo estas ploremaj pro la perdo de tiel eminenta homo, filo al kiu ili pli amis kaj de kiu ili estis pli amitaj. Ankaŭ la arto ploras.

Sed tiel estas la mondo ; tio ĉi estas neevitebla sed estu certaj ke la memoro de la eminenta homo, de la fama artisto kiu tiom da gloraj tagoj donis al sia granda kaj malgranda patrujo daŭros ĉiam en la koro de siaj samlandanoj.

H. ALTAVAS.

## ITALUJO

Bolonjo, Oktobro 1908.

*Esperantaj aferoj ; Italaj manovroj ; La Kongresoj ; Mizero en Puljo ; Analfabetismo.*

*** Certe, Esperanto ne havas feliĉon en Italujo ! Neniu el la plej gravaj jurnaloj raportis pri la Kongreso, male en « *Il tempo* », iu S-ro V. N. skibas artikolon favoran al *Universal* sub la ne tro loganta titolo « *ĉu mortiga pafo al Esp. ?* ». En « *Il Messaggero* » Mario Mariani sendas el Berlino leteron en kiu, kun la kutima nesciado de l'itala jurnalistoj, almenaŭ pri nia afero, kritikas akre la lingvon internacian, Zamenhof'on, Efigenion, ĉiujn kaj ĉion kaj bedaŭras ke la germanoj tion entuziasmiĝis por afero tiel vana. La « *Giornale d'Italia* » ekzamenas Esp. kaj *Universal* en artikoleto, sub titolo « *Teruraj lingvaĉoj* ». El la titolo ĉiu povas facile diveni la ŝtofon. Simile agis *Illustrazione Italiana* kaj certe agos *Minerva*, la itala revuo de l'revuoj kiu neniam forlasis doni piedfrapon al nia kara Zamenhofa elpensitajo. Eĉ ĝi certe uzos ankaŭ nuntempe la okazon resumi iun artikolon pri la Kongreso kaj mi vetas mil kontraŭ unu ke ĝi inter la multnombraj artikoloj de la eksterlandaj revuoj elektos certe unu el la malfavoraj. Tiamaniere revuo, kiu kredigas sin senpartia, estas tute partia. Male, ĉiusemajnaj ilustritaj gazetoj raportis pri Moresnet kaj sur la « *Corriere della Sera* » aperis telegramo kiu raportis pri la kreado en tiu neutra terangulo de speco da Bayerüth, nome de Esperanta internacia teatro... Eble la jurnaloj estos malpli malprecizaj se ili anoncos ke la 25a aŭ 50a kongreso okazos en Italujo ! Inter la malmultaj favoraj artikoloj mi citos unu aperintan en la organo de l'socialista partio « *L'Avanti* » kaj serion de originalaj artikoloj aperintaj en provinca jurnalo kaj verkitaj kun sana entuziasmo kaj vereco de unu el la malmultegaj italoj kiuj veturis Dresdenon.

*** La pasintajn semajnojn okazis la ŝiparaj manovroj en mezmaro. La kontraŭnacia partio prosperis bloki la nacian ŝiparon kiu esti pli malforta kaj elŝipigi korpuson en Ligurio. Tiu ĉi sukcesis transiri Alpenon kaj minaci la ŝultrojn de l'nacia soldataro okupita per la defendo de l'okcidenta alpa landlimo. Tiam komencis la lukto de l'ekokupa soldataro kiu celis enpenetri en Piemonton kaj de la defendanta korpuso kiu celis ĝin reĵeti en la maron kaj tiele laŭ grandaj trajtoj ripetiĝis iuj el epizodoj de la Napoleona itala militiro de 1796.

*** Septembro estas en la duoninsulo la monato dediĉita al la kongresoj. Inter la multenombraj estas notindaj tiu de l'Socialistoj en Modeno kaj Firenzo, tiu de l'Katolikoj en Venezio, de l'Terkulturistoj, de l'Defendantoj de l'itala lingvo kaj kulturo, fine de l'Patrujanoj kiuj kunvenis en Raveno ĉe la tombo de *Dante Alighieri*. Tie oni ekbruligis la artan arĝentan lampon oferdonitan de la italoj apartenantaj al la neelaĉetitaj provincoj. La lampo estis farita per arĝento eltirita el karaj objektoj aŭ familiaj memoraĵoj multekostaj, oferdonitaj de la urbanoj de Triesto kaj Istrio. Firenzo, la naskurbo de Dante liveris la oleon por lampo kiu de nun devas ĉiam bruli. La ceremonio okazigis grandan eksplodon de patriotismo.

*** Dum en la nordo oni festas kaj festenas kaj oni parolas, en la sudo la popolamaso mortas je malsata kaj soifo. La krizo de l'senokupeco en la Puljoj estas ĉiutage pli grava eĉ terura. Ne nur tie mankas l'akvo sed ankaŭ la plej simplaj rimedoj por gajni la vivon. La deputatoj de la regiono postulis de la registaro ke iuj laboroj de resaniĝo kaj reviviĝo de l'regiono estu tuj komencitaj por doni okupadon al la laboristoj, sed ili ricevis nur promesojn kaj ili devos longe atendi ĉar nun la ministraro ne timas la fantomon de l'ĝeneralaj balotoj.

La soifo en la Puljoj estas kvazaŭ ordinara fakto kiu ripetiĝas ĉiujare kaj la registaro estas devigata transporti akvon de tre malproksime ĉu per ŝipoj ĉu per vagonaroj. La promesita grandioza akvokonduko kiu kostos 150 milionojn da liroj, en la plej favora de l'hipotezoj ne estos preta antaŭ jaro 1918. Sed ankaŭ tiutempe la loĝantoj ne estos certaj havi akvon ĉar la akvokonduko devas transiri tunelon longan 30 kilometrojn tra argila tavoliĝaro. La tertremoj, kiuj tie estas kutimaj aŭ iu ajn terdisfalo povus senutiligi la tutan konstruaĵon. Verŝajne arteraj putoj aŭ akvaĵoj estus povintaj solvi la problemon multe pli rapide, pli certe kaj pli malmultekoste. Sed la itala registaro ne ĉiam elektas la rektan vojon !

*** Dume en la libertempo oni provas iom venki la vundon de l'analfabetismo, t. e. la nesciado de l'legado kaj skribado kiu en la sudaj regionoj atingas terurajn ciferojn. La elementaj instruistoj estas komisiitaj vendiri tra la dometoj de l'montaj paŝtistoj de l'Abrucio kaj disŝuti la semon de l'instruado sub la nuda ĉielo ; ĉu ili daŭrigos sian mision aŭ ĉu tio estos nur pajlfajro ?

A. TELLINI.

## NOV-ZELANDO

Auckland, Septembro 1908.

*Nova fervojo ; la Usona ŝiparo.*

Ĵus okazis en Nov-Zelando du aferoj, kiuj faros memorindan epokon en la historio de la lando.

Unue : la 8an de aŭgusto, je 6 h. 30 vespere, alvenis al nia norda urbo la unua vagonaro, kiu trairis laŭ la tuta longeco de la ĉeffervojo de la norda insulo, t. e. de Wellington al Auckland.

Due : la 9an de aŭg., je 8 h. mat., eniris en la Aucklandan havenon la usona batalŝiparo ; konsistanta el 16 unuagradaj batalŝipoj, amike vizitanta Nov-Zelandon.

La Nov-Zelanda Parlamento, sidanta en Wellington, sin prokrastis ĝis la 7a por ke la membroj kaj la ministroj vizitu Auckland por doni bonvenon al la Usona ŝiparo ; 64 parlamentanoj, kune kun la familioj de kelkaj el ili, kaj diversaj oficistoj kaj gastoj, la tuto ĉirkaŭ 200 personoj, veturis per ĉi tiu unua trairanta vagonaro. La vojaĝo sukcesplene finiĝis, kaj granda amaso de la popolo sin kolektis ĉe la Aucklanda stacidomo por doni bonvenon al la veturantoj. La vetero tra la tuta vojaĝo da 427 mejloj estis belega, kaj ĉio pasis plezurege.

Tiu ĉi fervojo estas la kuniganta ĉenero inter l'Aucklanda sistemo de fervojoj kaj la Wellingtona sistemo. Oni daŭre laboris konstrui ĝin dum dudekkvin jaroj. La suda parto trairas tra tre montoza lando, kaj la laboro kaj elspezoj estis tre grandaj ; sed nun ĝi estas preskaŭ finita ; oni atendas vidi la veran finiĝon, kaj regule kurantajn vagonarojn ĉirkaŭ la mezo de oktobro, tio estas, post du monatoj de nun. La peno trairigi vagonaron ĉe tiu ĉi tempo kreskis el la vizito de la usona ŝiparo, kaj ĝi estas tute sukcesplene finita.

La vagonaro lasis Wellington la 7an, je la 10a vesp., kaj kompreneble oni ne klare vidis la aspekton de la lando ĝis la matena krepusko de sabato ĝin montris. La frosta tagiĝo kreskis en ĉielo klara kaj lumoza, rapide sekvata de glora sunbrilo. La sunradioj falis sur la neĝkovritajn pintegojn de la tri grandaj vulkanoj *Ruapehu*, *Tongariro* kaj *Ngaŭruhoe* kiuj kuŝis antaŭ ni en la proksima nordo, brilegantaj en la matenaj sunradioj blankaj kaj puraj kiel anĝelaj vestoj. Poste, kiam ni haltis sur la granda viadukto de *Makatote*, la vidaĵo estis treege bela. *Ruapehu* (de alteco de 8,878 futoj, preskaŭ 3.000 metroj) brilis en la proksima oriento, dum je malproksimeco de 80 mejloj, aŭ 128 kilometroj, en la okcidento monto *Egmont* (8560 futoj) montras sian belegan neĝkovritan konuson rebriligante la belan orientan sunlumon ; kaj la tuta spaco de la lando inter tiuj grandaj gardantoj estas kiel ondoj de senfina verdajo de l'arbaro ; la vojaĝantoj entuziasme kaj senfine admiris kaj laŭdis la belegan vidaĵon.

La grandaj viaduktoj estas monumentoj al la lerteco de niaj inĝenieroj, kaj la malsuprenio ĉe la spirala vojo de la fervojo ĉe *Raŭrimu* estas nova sperto al la plimulto de la vojaĝantoj. La tuta vojaĝo en la brila sunlumo estis tre plezurdonanta. La montetoj kaj valoj, ĉie kovritaj de la ĉiama verdeco de nia *N. Z.* arbaro estas tre belaj kiam kontrastitaj al la altaj, blankaj neĝkovritaj montoj ; kaj ĉiuj sentis la ĉarmojn de la belaj vidajoj kiuj daŭre sin montris dum la taglonga vojiro. Alvenante al *Otoro*, *Hanga*, l'arbaro ekalternis kun paŝtejoj kaj maloftaj dometoj, ĝis oni alvenis en la kamparojn de la *Wajkato*. De tie, ĝis l'urbo la kamparoj sin montras en pli rapida sekveco. Antaŭ l'alveno la suno malleviĝis, sed la luno brilis supre en la klara ĉielo, kaj tiel moderigis la mallumon.

Neforgesebla tago estas tiu 8a de aŭgusto 1908a.

T.-L. STEVENS.

## Kroniko Politika

Kiel antaŭvidite en la fino de nia lasta kroniko, la demando Orienta, kiu ŝajnis solvita, nur ŝanĝis aspekton, kaj, male, fariĝis pli akra ol iam. Bulgarujo, sekve de la okazintajoj de la Romelia fervojo — simpla preteksto — proklamis sian sendependecon absolutan, Aŭstrio aneksis Bosnion kaj Herzegovinon, Kreto grekiĝis... Tiel rompiĝis la traktato de Berlino, kiu daŭris de 1878, kaj la tempo fine venkis la paperan laboron de la diplomatoj. La situacio estas kiel eble plej konfuza kaj danĝera. En tia momento, io ajn povas minaci la tutan Eŭropan pacon, pro la reto de la interligoj kaj interkonsentoj, per kiu ĝi estas kovrita. Tiu fakto, antaŭvidita nur kiel malproksima estontajo, okazis tiel subite kaj lerte preparita, ke verŝajne de tio venas ĝia nepra sukceso — ĉar, kio ajn okazos, neniam oni reiros al la antaŭa situacio. Verdire, Turkujo perdas absolute nenion materialan, sed morale ĝi per tio ricevas fortan baton. Ĉu ĝi militos — kio al ĝi, eĉ en plej favoraj okazoj, liveros nenian profiton — aŭ ĉu ĝi akceptos tiun solvon, post kelkaj ŝajnaj kompensaĵoj fiksotaj de diplomata konferenco, tie staras nun la demando ? La dua solvo ŝajnas la plej verŝajna, ĉar milito estus malfeliĉo ne nur por ŝi mem, sed ĉefe pro la teruraj konsekvencoj, kiujn ĝi povas havi por Eŭropa paco, ĝuste en tiu momento kiam ĉiulande fervore batalas ŝovinistoj por konservi la superregon, kiun ekkomencas trabori la homa saĝo kaj la sento, ankoraŭ tre konfuza, sed certa, pri intergenta solidareco.

A. R.

## La Faktoj

*1 Septembro.* — *Heidelberg.* — Solena inaŭguro de l'internacia Kongreso de filozofio kun 300 partoprenantoj.

*Vieno.* — Eksiĝo de l'ministro de l'terkulturo, Ebenloch.

*2. Rimino* (Italujo). — Inaŭguro de la dua laborperiodo de l'nacia Kongreso de l'terkulturistoj.

*Buenos-Ayres.* — Senato elektas D-ron Guemes vicprezidanto de l'Respubliko.

*Oudja.* — Mulai Hafid estas proklamita sultano.

*3. Parizo.* — Morto de Aŭgusto Leard elpensinto de l'meteorologia telegrafio.

*5. Pacenco.* — Solena inaŭguro de nacia gimnastika Kongreso.

*6. Tanĝero.* — Alveturo de El Mokri, financa ministro de Abd-el-Aziz, kaj de sia granda viziro por trakti pri la eksiĝo de Abd-el-Aziz.

*9. Bruselo.* — La Senato aprobas la traktaton de la anekso de Kongolando al Belgujo.

*Londono.* — Solena inaŭguro en la katedralo de Westminster de l'Eŭkarista Kongreso.

*10. Parizo.* — Proceso Gregory, atencinto kontraŭ Dreyfus. Gregory estas absolvita.

*11. Romo.* — Morto de pentristo Ludoviko Seitz.

*Triesto.* — Morto de Feliĉo Venezian defendanto de l'italeco de Istrio kaj Triesto.

*12. Tanĝero.* — Morto de Mohamed el Torres reprezentanto de l'Sultano.

*Kopenhago.* — Eksiĝo de l'ministraro pro la bankroto de l'eksministro Alberti.

*13. Raveno.* — Solena inaŭguro de l'festoj pro Dante Alighieri.

*Londono.* — Fermo de l'Eŭkarista Kongreso.

*17. Berlino.* — Interparlamenta packongreso kun parolado de Bülow.

A. TELLINI.

# ESPERANTO

## MOVADO ESPERANTISTA

**Notindaĵoj.**

*Belgujo :* La Belga Ligo voĉdonis per granda plimulto Zamenhofan deklaron ; de nun la gazeto « Belga Sonorilo » ne plu estos organo de la Ligo. — *Bulgarujo :* La lasta sukcesplena bulgarrumana kongreso havis bonegan rezultaton por pligrandiĝo de la intereso al nia lingvo ; multaj novaj kursoj. — *Danujo :* La postkongresaj tagoj en Kopenhago bonege sukcesis ; oficiala akcepto kun Esp. parolado de la urbestro. — *Francujo :* Ĉie rekomenciĝas la kursoj ; en Parizo ne estos malpli da cento. La franca societo por la propag. de Esp. reorganiziĝas. — *Germanujo :* Novaj grupoj en Aachen, Augsburg, Bitterfeld, Bromberg, Chemnitz, Glauchan, Stettin, Tilsit ; multaj novaj kursoj kaj gazetdiskutoj post la kongreso. — *Hispanujo :* Grandan ĝojon elvokis la informo pri la Barcelona kongreso. En Barcelono mem estis ludata en granda teatro „ Lohengrin " en Esperanta traduko. Kiel ĉiam, grava movado en Katalunjo. — *Norvegujo :* Jam ekzistas kelkaj Esp. grupoj ; malfermiĝis Esp.-eldonejo kiu baldaŭ eldonos norvegan propag. gazeton. — *Rumanujo :* Tie ĉi nia afero faras gravajn progresojn ; malfermiĝis kursoj ; la oficialaj rondoj estas favoraj. — *Svisujo :* La Svisa Esp. Societo sukcese kunvenis en Friburgo ; S-ro de Saussure estis elektita prezidanto. Esperanto estas enkondukata en la kolegiojn de la kantonoj Genève, Vaud, Fribourg ; aliaj sekvos. — *Usono :* Oni jam preparas por la Va Kongreso. La Esp. Asocio de Nord-Ameriko estas definitive organizita ; ĝi jam havas tre multajn membrojn kaj pli ol 40 grupoj.

## PERESPERANTAJ SOCIETOJ

**Internacia Unuiĝo de Esperantistaj Vegetaranoj.**

Dum la IVa Intern. Kongreso de Esperanto, en Dresdeno, fondis 19 samideanoj el 8 diversaj nacioj „ *Internacian Unuiĝon de Esperantaj Vegetaranoj* ". La celo de tiu „ Unuiĝo " estas liveri sciigojn pri la vegetara movado en ĉiuj landoj kaj precipe informi pri vegetaraj restoracioj, sanatorioj, k. t. p., speciale en kiuj oni parolas esperante, la vojaĝantajn samideanojn, ebligante al ili ankaŭ, per eldonado de internacia jarlibro kun plena adresaro de la anoj de la Unuiĝo, renkonti aliajn samcelantojn.

La I. U. E. V. petas, ke ĉiuj esperantaj konsuloj bonvolu sendi al ĝia provizora sekretario : S-ro R. de Ladevèze, Altonaerstrasse, 67, Hamburgo, Germanlando, ĉiujn sciigojn pri sanatorioj, restoracioj (jarlibrojn, broŝurojn, eĉ en nacia lingvo), kiujn ili juĝos utilaj por vegetaranoj.

La I. U. E. V. petas, ke ĉiu samideano deziranta havi informojn pri la afero aŭ aliĝi al la Unuiĝo bonvolu sin turni al la sekretario, ĉiam kunsendante internacian respondkuponon.

R. de L.

**Kristanaj Unuiĝo de Junaj Viroj.**

*Alvoko.* — Ni petas ĉiujn unuiĝajn estrojn, sekretariojn, reprezentantojn kaj membrojn, kiuj intencas viziti nian mondkongreson dum aŭgusto 1909, en Barmen, sin bone informi pri la esenco de la internacia helpa lingvo „ Esperanto ", ĉar ni, se Dio volas, dum la kongreso aranĝos pripaloladon pri la komuna uzo de ĉi tiu bone elpruvita tutmondlingvo kiel interkomprenilon per nia mondligo kaj niaj mondkongresoj. Lernolibroj kaj klarigantaj libroj pri la lingvo „ Esperanto " estas riceveblaj ĉie.

Kiuj interesiĝas je la progresoj kaj disvastiĝo de „ Esperanto " inter niaj unuiĝoj, bonvole mendu niajn Esperantajn raportojn, kiuj estas eldonataj ĉiumonate per P. Hübner, Mülhein-a/-Rhein, Friedrich-Wilhelmstrasse 66 (Germanujo). Abonprezo 1,00 m. (0,50 S) po jaro.

*Oni bonvolu represu tiun ĉi alvokon en ĉiuj unuiĝaj gazetoj.*

**Esperanta Psikistaro.**

*Magnetismo, Hipnotismo, Telepatio, Spiritismo.*

Internacia Unuiĝo por Psikisma Studado per Esperanto. Kotizaĵo *laŭvola* almenaŭ 1 S jare. — Adresu la aliĝojn kun via portreto al la sekretario S-ro A. Stas, 25, Strato Antonius, Antverpeno (Belgujo).

★

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

## Konstanta Mondonacado por U.E.A.

Responde al la alvoko publikigita en antaŭa numero, la jenaj personoj bonvolis mondonaci por U. E. A. (La personoj montritaj per * estas bonfarantaj membroj).

| | |
|---|---|
| 1ª Listo | ₷. 44,20 |
| H. Bolingbroke Mudie, Londono | ₷. 60 —* |
| Martin, Genevo | ₷. 10 —* |
| Lanz, Teruel | ₷. 10,60* |
| Hertzog, Davos | ₷. 2 — |
| Knecht | ₷. 2 — |
| Esteban, Burgos | ₷. 10 —* |
| Bicknell, Bordighera | ₷. 10 —* |
| Kandalov, Ardetov | ₷. 0,40* |
| Privat, Genevo | ₷. 4 — |
| Hamand, Schaller (U.S.A.) | ₷. 10 —* |
| Paxton, Midhurst | ₷. 10 —* |
| Sharpe, Torguaj | ₷. 10 —* |
| Dreyfus | ₷. 0,56 |

Entute 143,76 ₷. Ni tutkore dankas la mondonacintojn kaj esperas, ke multaj, ĉu grupoj, ĉu personoj, ilin imitos kaj bonvolos finance helpi al la disvastigo de U. E. A. La personoj, kiuj pagos almenaŭ 10 ₷. estos konsiderataj kiel bonfarantaj membroj de U. E. A. Plie, ĉiuj donacoj sub la nomita sumo estos danke akceptataj. Oni sendu ilin al ESPERANTIO, 8, rue Bovy-Lysberg, *Genève* (Svisujo).

FAKO 1ª. — **Administrado**.

*Financoj*. — 1e) Ni rememorigas al la delegitoj kaj subdelegitoj, ke, laŭ la cirkulero 1ª (de Fako 1ª) de la 10ª de Majo 1908, ili devas pagi siajn ŝuldojn al U. E. A. (kotizajojn, menditajojn, k. a.) antaŭ la fino de ĉiu trimestro, t. e. antaŭ la 1ª de januaro, 1ª de aprilo, 1ª de julio, *1ª de oktobro*, al : ESPERANTIO, *Place de la Halle, Beaune (Francujo)*.

Post ricevo de mono ni ne sendas al ili kvitancon. Sed la debito kaj kredito de ĉiu el ili estas zorge enskribitaj sur speciala kontrollibro.

Dum la monato novembro ni sendos fakturon al tiuj kies debito superos ilian krediton. La nomoj de la aliaj estos publikigitaj en la oficiala ĵurnalo de U. E. A., kaj tiu publikigo servos al ili kiel kvitanco.

2e) Ni malfermas konton nur al la delegitoj, subdelegitoj, kaj al la vicdelegitoj kiam ili anstataŭas delegiton. Ni memorigas al la subdelegitoj kiuj dependas de iu regiono, ke ili devas sendi la kotizajojn al la delegito de tiu regiono.

Aliaj personoj kiuj dezirus aliĝi al U. E. A. aŭ mendi jarlibron, insignon, k. a. devas ĉiam sendi kune la monon. Mendojn sen mono ni ne akceptas de ili.

Ciuj mendoj (eĉ de la delegitoj) devas esti firmaj. Por kondiĉaj mendoj sin turni al la Esperantista Librejo, 15, rue Montmartre, Paris II, kun kiu ni faris specialan kontrakton por niaj Esp.-Oficejoj.

⁂ *Avizo al la Delegitoj*. — Ni rememorigas ke la lasta tempolimo por la ricevo de la voĉdoniloj estas la 20ª de oktobro. Tuj poste, ni sendos cirkuleron por la baloto de la komitato, laŭ la nova regularo.

⁂ *Novaj fakoj*. — Laŭ la deziresprimo de la U. E. A. kunvenoj en Dresdeno, du novaj fakoj estos kreataj, nome por Komerco & Industrio, kaj por Junuloj. Ni jam trovis kelkajn kunlaborantojn por ĉi tiuj novaj fakoj kaj ankaŭ por la malnovaj, kies laboro fariĝis tro grava por unu persono. En la proksima Nº, ni konigos la nomojn kaj taskojn de tiuj kunlaborantoj, kaj la planon de agado starigitan por la proksima jaro.

⁂ *Grava peto*. — Ĉiuj novaj delegitoj, subdelegitoj aŭ membroj estas treege petataj sciigi al ni, en sia adreso, ankaŭ la nomon de la *provinco* kie ili loĝas.

⁂ *Niaj membroj*. — Ni kun plezoro sciigas niajn amikojn, ke la nombro de la Esperantianoj je la 7ª de oktobro atingas *1752*. Ni koregе dankas ĉiujn delegitojn kaj kunhelpantojn, kiuj per sia laborado ebligis tian kontentigan rezultaton.

De la 25ª de oktobro, la personoj, kiuj aliĝos, pagos la novan kotizajon por 1909 (t. e. 36 Sd.) kaj estos per tio membroj ĝis la 31ª de decembro 1909ª, de post sia pago. La kartoj de la ĝisnunaj aliĝantoj valoras ĝis la 31ª de decembro 1908.

*Novaj grupaliĝoj*. — De la lasta nº, la jenaj grupoj elektis delegitojn :

*Barmen* (Germ.). — S-ro R. Carnap (Beethovenallee, 12).
*Inverkargill* (Nov-Zelando). — S-ro Edm. Webber.
*Praha* (Aŭstrio). — S-ro J. Hradil (I-342).
*Siegburg* (Germ). — S-ro J. Noa (Louisenstr. 90).

La Delegito de *Haag* (Holando) estas de nun S-ro A; Knegt (Spenykstr. 144), kaj la Delegito de *Kopenhag* S-ro Skeel Giorling (Narre Fariwagsgade 50).

Entute 352 lokoj kun 217 delegitoj kaj 136 subdelegitoj.

*Subdelegitoj* :

5ª Listo de subdelegitoj :

*Aachen* (German.). — S-ro Ph. Keller (Augustastr. 42).
*Aschersleben* (German.). — S-ro K. Vallon (Mehringerstr. 6).
*Bad Soden* (Frankfurt G.). — S-ro R. Rübsamen.
*Biella* (Italujo). — S-ro Paolo Lusana.
*Blois* (Franc.). — S-ro Caron, 3, rue Bretonnerie.
*Bordighera* (Ital.). — S-ro Clarence Bicknell.
*Como* (Italujo). — S-ro C. Monti (Vigilio).
*Dordrecht* (Holando). — S-ro A. C. A. de Hosson (Wilhelminastr. 16).
*Dortmund* (Germ.). — S-ro W. Dieckmann (Kaiserstr., 58).
*Goldfield* (Nevada-U.S.A.). — S-ro J. Mckinnon (Postbox 1371).
*Hambye* (Manche-Franc.). — S-ro I. Delahaye.
*Kristiansand* (Norveg.). — S-ro Richard Braun.
*Loches* (Franc.). — S-ro A. Brissonnet, (4, pl. de l'Hôtel-de-Ville).
*Luché* (Sarthe-Franc.) — S-ro Henri Comoy.
*Pirdov* (Bulgarujo). — S-ro I. Krestanof.
*S. Jean de Maroni* (Gujano franca). — S-ro S. Guilein (milita gardisto).
*Thun* (Svisujo). — S-ro E. Hildebrandt, Kastelmanto, 67.
*Tomsk* (Siber.). — S-ro F. E. Orlof (Bulvarhaja 8).
*Vichy* (Franc.). — S-ro D-ro Cler, (10, rue des Célestins).
*Vienne* (Isère-Franc.). — S ro H. Bouzon.

⁂

FAKO 2ª. — **Konsuloj kaj Esperanto-Oficejoj**.

⁂ Par faciligi la agadon de la novaj fakoj de U. E. A., estas tre dezirinde, ke niaj delegitoj elektu kiel eble plej baldaŭ konsulon por Komerco & Industrio, konsulinon por Virinoj, kaj konsulon por Junuloj. Per tiu temo, la delegitoj ricevos specialan avizon de la U. E. A. kunlaborantoj, per kiu ili estos petataj elekti la diritajn helpantojn. Ili bonvolu zorgi pri la plenumo de tiuj avizoj.

⁂ La grupoj, kiuj laŭ la instigo de U. E. A. Delegito eldonis gvidfolietojn aŭ gvidlibrojn bonvolu sendi almenaŭ 2 ekz. da ili al S-ro Cazeaux, speciale komisiita por tio (77, rue Lachassaigne, Bordeaux-Franc.).

⁂

FAKO 3ª. — **Turismo**.

⁂ Kun la aŭtuno kutime ree komencas la efika laborado de la Esperantistaro. La kursoj ĉie remalfermiĝas kaj la kunvenoj fariĝas regulaj kaj fruktodonaj ; ĉiu grupo aŭ societo deziras fari kiel eble plej taŭgan propagandon por nia afero kaj ofte ne scias kion entrepreni. Por tio la Fako 3ª de U. E. A. rememorigas, ke estas treege dezirinde ke en ĉiu urbo aŭ vilaĝo oni eldonu *gvidlibretojn* aŭ, kie tio estus ne ebla aŭ tro multekosta, simplajn *gvidfoliojn*. Jam multe da grupojn eldonis tiajn gvidilojn kaj certe treege helpis la diskonigon de la urbaj vidindaĵoj. Oni do klopodu atingi la helpon de la urbestraroj aŭ de aliaj kompetentaj oficejoj.

En la grupaj konvenoj oni tre facile povas traduki au eĉ starigi bonan tekston por la gvidilo kaj sen multe da kostoj oni poste presigu ĝin, se eble kun bonaj ilustraĵoj. En ĉiu urbo troviĝas almenaŭ unu presejo kiu havas kliŝajojn pri la plej konataj vidindaĵoj kaj tiamaniere la eldono ne estos kara.

Post la presigo de tiaj gvidiloj oni bonvolu sendi po du ekzempleroj al Fako 3ª, kiu zorge kolektos ilin kaj presigos la titolojn en nia oficiala ĵurnalo « ESPERANTO ».

Tiamaniere oni faros efikan propagandon por sia urbo kaj samtempe ankaŭ por la Esperanta movado. J. SCHMID.

## Delegito - Konsuloj U. E. A.

## PRAKTIKAJ INFORMOJ

**Grava avizo**. — Tiuj informoj estu redaktataj mallonge kaj precize ; oni sendu ilin al ni nepre antaŭ la 10ª kaj 25ª de ĉiu monato por ke ili aperu en la plej proksima nº. Ni varme instigas ĉiujn delegitojn, ke ili bonvolu kiel eble plej akurate kunlabori por tiu rubriko, kiu dank'al ilia kunhelpo rapide fariĝos interesa kaj tre utila.

### Aŭstrio.

*GRATZ*.

⁂ Ni festas ĉi tie jam du semajnoj. Depost du jaroj ni havas en Graz ion similan kiel Leipziga foiro aŭ Munĥena oktobra festo, nomita Grazer Herbstmesse (Graz'a aŭtona foiro) ; ĝi konsistas el du partoj, la komerca kaj la amuziga partoj ; la unua estas la speciala foiro kaj ekspozicio kaj la komercistoj klopodas montri al la vizitantaro la plej bonajn komercaĵojn kaj la plej moderajn prezojn. La dua parto plenigas la tutan grandan parkon de „ Industriehalle " (Industria halo) kaj la grandegan spacon de l'vetkurega vojo. Tie oni trovas ludon ĉe buslo kun la plej diversaj vidindajoj, mirindaĵoj, karuseloj, hipodromoj, k. t. p. Rimarkinda estas ankaŭ stiria specialaĵo „ glitveturvojo " de supre malsupre kie oni sur aliaj stiriajo, la „ Leabens Rodel " glitveturilo el ferajtubo glitas en lignaj tramoj malsupren kun granda rapideco.

Tiujare nun estas aparta okazo por festi. Oni aranĝis tie la „ Stiria metiista Ekspozicion " konsistante el historia kaj moderna parto. En la unua oni montras ke jam en pli fruaj tempoj la Stiriaj metiistoj kunigis la lertecon kun boneco kaj beleco. Speciale rimarkinda estas la fera armilo de Karl II, kiu laŭ speciala permeso de la imperiestro estas pruntedonita al la ekspozicio de la i. k. r. kortegaj muzeoj. La estanta parto vidigas ke la arto kaj lerteco vivas en niaj metiistoj. Cio estas tre ĉarma ; ĝin protektas arĥiduko de Aŭstrio kaj malfermis 5 ministroj por montri ĝian gravecon. Dum la festo oni lumigas nokte ĉiujn rimarkindaĵojn de nia urbo. Okaze de tio la novefondita „ Akademia Esperanto Societo " aranĝis malgrandan esper. kunvenon, ĉe kiu oni povis saluti gastojn el Wien, Marburg, Lesben, Waldbach. Ni decidis aliĝi al Ligo germanaŭstra, kaj fondi kiel eble plej baldaŭ sudaŭstra Ligon por la propagando en tiaj regionoj.

La movado ĉi tie kreskas ĉiam pli, kaj baldaŭ oni fondas grupojn en Lesben (germanan supra Stirio), Marburg (slovenan malsupra Stirio) kaj Kagusa (Kroat. italan Dalmacio). La Akad. Esper. Societo baldaŭ starigos ĉiujn oficojn de U. E. A. ; por tio sin turni pri ĉiu afero al la ĉi tiea delegito-konsulo,

R. FELSER,
Graz-Klosterwiesg. 46. II. l.

*PRAHA*.

⁂ Esp.-Of. estas fondita de Bohema Unio Esperantista, en kafejo Union, Praha-I 342, kunven-, leg-, informejo. Oni vendas gvidlibrojn, urboplanojn, pk. La oficejestro : S-ro Jan Hradil, U. E. A. delegito.

⁂ S-ro A. Svojsik, ĵurnalisto, ĵus entreprenis grandan vojaĝon en Oriento : li vizitos Rusujon, Siberion, Japanujon, Hinujon, Filipinan Insularon, Francan Hindujon, Novan Gvineon, Aŭstralion, Novan Zelandon kaj, vizitinte poste ankoraŭ Ceylonon, li revenos je la fino de februaro 1909 Eŭropon. La nomita sinjoro estas ano de U. E. A. kaj li ricevis de la D. rekomendan leteron, kiun subskribis ankaŭ centra asocio « Bohema Unio Esp. », Esp. Klubo en Praha kaj la redakcio de « Časopis česhýs Esperantistu », en kiu ĉiuj samideanoj en la trapasotaj landoj estas varme petataj helpi S-ro Svojsih per konsiloj kaj informoj, por pruvi tiamaniere praktike la gravan signifon de Esperanto kaj la bonan organizon de U. E. A. — Ĵus komencis en nia urbo esper. *kursoj* en multaj lernejoj, kiujn partoprenas kelkaj centoj da vizitantoj. — *Ekzamenoj de Esperanto* okazis la 27ªⁿ kaj 28ªⁿ de pasinta monato antaŭ Ekzamena Komisio de E. U. E., kaj 7 kandidatoj plenumis superan ekzamenon kaj estis trovitaj plene kapablaj instruadi en publikaj lernejoj, ricevinte ateston pri kapableco. — Por la proksima ekzamina termino (decembro) multaj kandidatoj estas jam notitaj. — La intereso por U. E. E. estas ĉe ni granda kaj en mallonga tempo aliĝis 26 samideanoj. En la novaj esperantaj kursoj oni ĉiam atentigas pri la granda signifo kaj utileco de tiu ĉi institucio. — Kiel vicdelegito de U. E. A. estis nomita S-ro Karel Procházka, sekretario de B. U. E., Praha-I-342, Esperanto-Kafejo „ Union ".

J. HRADIL, Del. U. E. A.

*VIENO*.

⁂ La esperanta movado en la metropolo de de Aŭstrio ĉiam plifortiĝas, precipe per la oferema propagandlaboro de l'Esperanta societo Wien : « Fideleco ». La prez. S-ro Macho kaj la vicprez. S-ro Siebenschen gvidas multe nombre vizitatajn kursojn. Neniu vizitanto de Wien forgesu viziti la Esperantan kafejon „ Währingerhof ", Wien 18, Wahringerstr. 162, kie li trovos gastemajn samideanojn kaj grandan aron de la plej diversaj esperantaj gazetoj kaj aliajn Esperantajojn (kunveno ĉiujaŭde je 8 h.). Ni atentigas ankaŭ ĉiujn Esperantistojn je la „ Esperanto-Informejo ", Wien IV. Goldegg IIe. La Esperantistaro estas ĝentile petata uzi la servojn de la „ Informejo " ĉiurilate ; ĝi donas informojn pri la esperanta movado en Wien kaj Aŭstrio Hungarujo, ĝi plenumas precize ĉiujn komisiojn kaj donos klarigojn pri la vivado en Wien, pri loĝejo, k. t. p.

⁂ La 16ªⁿ de aŭgusto fondiĝis Ligo de Germanlingvaj Esperantistoj en Aŭstrujo.

Prezidanto : S-ro Prof Otto Simon, Vieno.
Sekretario : S-ro Ĉefleŭtenanto J. Petrović.
Gazeto de tiu ĉi Ligo : „ Informaj raportoj ".
Adreso de la Ligo : Vieno-I, Singerstrasse, 2.

### Belgujo

*ANVERS*.

⁂ La 20ªⁿ de septembro okazis en Bruselo la ĝenerala kunveno de la Belga Ligo Esperantista. La granda plimulto de la ĉeestantoj voĉdonis jese pri deklaracio proponata de S-ro Frans Swagers. el Antverpeno. Tiu deklaracio esprimas la fidelecon de la Belgaj esperantistoj al la Zamenhof'a Esperanto, de kiu la evolucio estos direktata de la Lingva Komitato kaj de la Esperanta Akademio. Kvin Komitatanoj de la Ligo (S-roj Lemaire, Blanjean, Janin, Seynaeve kaj F-ino Lecointe) eksiĝis kaj estis anstataŭataj de S-roj Swagers, Champy, Van Schoor, Richardson kaj Duverdin.

### Francujo

*PARIZO*.

⁂ En la celo plifaciligi la popolan lernadon pri muziko, ĵus aperis broŝureto, kiun oni povas mendi ĉe Verda Stelo, 129, rue Marcadet, Paris ; ĝi kostas afrankite : 1 ekz., 6 Sd. ; 2 ekz., 10 Sd. ; 10 ekz., 40 sd.

Ciu delegito de U. E. A. farinta mendon antaŭ la 1ª de januaro, ricevos unu plian ekzempleron.

*St-AMAND-LES-EAUX (Nord)*.

⁂ La estraro de la Federacio de l'Esperantistaj grupoj de Norda Francujo (F. S. E. N.) kunvenis la unuan fojon la 26ªⁿ de julio en Lille.

Inter aliaj organizaj aferoj, ĝi decidis principe la fondon de Esp. Grupo en Dunkerque kaj unuanime voĉdonis la sendon al D-ro Zamenhof de tiu sekvanta sentesprimon :

« La Komitato de la Federacio de l'Grupoj en la departementoj « Nord », « Pas-de-Calais » kaj « Somme » unuafoje kunveninta en Lille salutas vin ! ; ĝi esprimas sian volon labori fidele laŭ la Fundamento por la propagando de la lingvo eltrovita de vi, laborante por la paciĝo de la spiritoj, neniam forgesante ke ĝi agadas je l'nomo de ĉiuj federiĝintoj kaj laŭ la deziro de la primulto, ĉiam memorante ke Esperanto estas afero de frateco kaj amo. »

Ni memorigas ke la supre citita Federacio fondita en Armentières la 28ªⁿ de junio unuigas 21 grupojn el departementoj Nord, Pas-de-Calais, Somme, kunigante pli ol mil samideanoj. Tiu nombron ankoraŭ pligrandiĝos per la plej baldaŭa aliĝo de kelkaj grupoj ne ankoraŭ federiĝintaj.

### Hispanujo

*SARAGOZA*.

⁂ En oktobra monato okazos en Saragoza Internacia Historia Kongreso pri la Militado de la Hispana Sendependeco kaj pri ĝia epoko. La Organiza Komitato tre konsenteme invitas la tutmondan esperantistaron partopreni en tiu bela konkurso kiu ekzistigos grandan honoron al la nevelkemajn gloroj de nia Hispana patrolado, kaj la sindoneman kaj la plej bravan ĉiujn penas kunigi per sama frata brakpremo ĉiujn gentojn kaj naciojn de la estintaj batalantoj.

La E. S. de Saragoza preninte sur sin sciigi al la Esperantistaro tiajn noblajn sentojn de la hispana popolo esperas ke ĉiuj samideanoj respondos al tiu alvoko, kaj por sia parto donos sian kunhelpon por la sukceso de tiu kongreso.

Oni povus sendi kiun ajn raporton, skizon, k. t. p., rilate al la priskribaĵoj entenotaj en ĉiu kongresa sekcio, tion farante per Esperanto, same kiel tiuj kiuj volus paroli en la kongrese.

La graveco de ĉi tio pri la nepera propagando de nia lingvo neniu malŝatos, tial mi kredas ke ĉiu ĉe povanto kunlaboros kun ni pri tia kongreso.

Oni bezonas ke la venontaj esperantistoj, tion sciigu antaŭe por prepari por ili oportunan gastadon. La anaro de E. S. F. de S. sin proponas akompani kaj kontentigi la gastojn esperantistajn laŭ sia ableco.

Por ĉiuj detalaj informoj sin turni al la Viceprezidanto de E. S. F. (Escuelas Pias-Colegio, Saragoza) aŭ al la Prezidanto de E. S. F. (Independencia 23, 2º Saragoza), D. U. E. A.

### Germanujo.

*DANTZIG*.

⁂ La Danciga Esperanto-Asocio havis en la Gewerbehaus sian monatan vesperfeston. Gravajoj, humoraĵoj („ La Esperanto-Leciono "), ludoj mallongigis la horojn. Multaj ĉeestantoj.

La Esperanto-Informejo troviĝas : Mahenbaden, 6.

*HAMBURGO-ALTONA'*.

⁂ La 17ªⁿ de Septembro, nia grupo aranĝis grandan propagandan kunvenon, kiu kunigis pli ol cent vizitantoj.

S-ro D-ro Mybs paroladis pri la signifo de Esperanto, speciale pri la lasta kongreso. Komunan intereson renkontos la sciigo, ke la kalkulo de la kvaro por la kvara montras plimulton de la enspezoj de ĉirkaŭe 3000 ₷. Bonega pruvo de l'talento de la financministro! La rezultato de la kolekto en la pregejoj estas ankaŭ tre rimarkinda : la kreduloj oferis la sumon de pli ol 2500 ₷ ; ĉu tio ne estas bona signo, ke la esperantistoj kredas konvinkite je l'baldaŭa venko de nia afero ? En Dresdeno sekvis la vokon al la kursoj post la kongreso 1500 personoj.

La aplaŭdo de l'ĉeestantaro post tiu ĉi tre ĝojigantaj sciigoj estis varmega Poste Sro Vogler paroladis pri la jam nuna praktika utilo de Esperanto kaj pri la praktikaj celoj de U. E. A.

Multaj aŭskultintoj subskribis la liston de la kursaniĝontoj ; tial ni malfermos je l'komenco de oktobro du kursojn.

Esperantejo estas malfermita ĉe F-ino v. Ploto, Plan 6, Hamburg.

La grupo aranĝis depost kelkaj monatoj diskutatajn vesperojn, dum kiuj oni priparolas antaŭdifinitajn temojn. Tiu ĉi aranĝo tre vekis la intereson de la partoprenantoj kaj plilertigas altgrade la uzon de la lingvo. Sekvoto ekzemplo por aliaj grupoj.

### Holando

*AMSTERDAM*.

La Amsterdama Laborista Societo Esp. invitas ĉiujn samspecajn grupojn en la tutmondo, sciigi al ĝi la adresojn de iliaj sekretarioj. Per unuigitaj povoj tiam la laboristoj-Esperantistoj povos kommenci prilaboradi la laboristaron, precipe la organizajojn de kunmetianoj, sindikatoj, k. c. Pripensu : simpla Esperante redaktita letero aŭ peto pri la sciigo, ricevita de eksterlanda unuigo samprofesiana ĉie altiros pli bone la atenton, faros pli multe da propagandon. ol dekoj da priparoladoj el l'flanko de samlingvanoj. Sed por ke ni povu komenci la agadon en tiun ĉi direkton, estas necese, ke ni, laboristoj-Esperantistoj, sciu inter ni nian ekziston. Tre vasta laborkamparo fruktpromesanta sin proponas tie ĉi al ni. Adreso de la Amst. sekretario estas : W. Nutters, D. U.E.A., Ostadestraat, 94, Amsterdam.

### Tunisio.

*TUNIS*.

⁂ S-ro Rochetin estis elektita U. E. A. delegito kaj S-roj Ventre, Ghala kaj Lumbroso, subdelegitoj. Ili decidis starigi Esp.-Oficejon sur la plej bela kaj ĉefa strato de Tunis, t. e. ĉe la librejo de S-ro Danguin, 10, Avenue de France, kie la Esperantistoj povos aĉeti aŭ mendi ĉiuspecajn esperantaĵojn. S-ro Danguin parolas kaj korespondas esperante.

⁂

**Grava avizo**. — De diversaj flankoj ni ricevis plendojn (speciale el Frankfurt kaj Utrech) rilate al la agado de iu vojaĝanta Esperantisto S-ro Aleksandrov (el Peterburgo), kiu ĉe la diversaj trapasitaj urboj trouzas la gastamecon kaj konfidon de siaj samideanoj. Ni do atentigas niajn Delegitojn, ke, ĝis nova avizo, ili faru tute nenian servon al la dirita sinjoro.

*Krakovo* (Galicio, Aŭstrio). — S. Rudnicki, Kopernikst., 17. PI. PM.
*Tournus* (S. & L., Francujo). — S-ro Humbert, p. a S-ro Sautter. PI.
*Waganier* (Polujo, Rusujo). — S-ro Gluchowski, instr. en Boudkovo. PI.
*Debreczen* (Hungar.). — S-ro K. Tekete, Piacz utcza, 37. PI. PM.
*Prag* (Bohemia). — K. Sefeln, Lizkov Zerotinov ul. 7. PI.
*Beaune* (Franc.). — J. Pion. PI. (kun Oceanioj kaj Azianoj) ; S-ro E. Durand, 18, rue d'Alsace.
*Mieczyszczów* (Galicio, Aŭstrio). — S-ro A. Rosenkranz. PI.
*Huddersfield* (Anglujo). — S-ro F. Clarkson, 35, Prospect st. PI. L.
*Buenos Aires.* — S-ro Miguel Echeverría, ĉe S-oj Orùe, Vidol & Vila, str. Victoria 1.029/1.039. PI.

## Petoj & proponoj

**Invito.** — Ĉiuj samideanoj kiuj traveturos Astraĥan (Rusujo) estas invitataj viziti la grupon por interparolado.
Prezidanto : Ivan Semizorof, Ivanovskaja 26.

---

**Ofico.** — Neŭtra Moresneto (493 99). S-ro Ch. Schriewer, 19 j., uzanta flue esperantan kaj francan lingvojn, kaj parolanta ankaŭ la germanan, serĉas oficon. Oni sendu la proponojn al la Esp. Konsulo de N. Moresnet.

---

**Ekspozicio.** — S-ro A. Knegt, van Speykstraat 144, La Hago, Hollande, deziras, por aranĝi ekspozicion, ke propagandistoj kaj eldonistoj sendu al li ĉiujn reklamojn kiuj ekzistas en Esperanto, gazetojn, ŝlosilojn, k. t. p.

---

**Poŝt.-m.** — S-ro Philippe, Auby (Nord, Franc.). Al kiu sendos 2 intern. resp. kup., mi sendos 40 p.-m. malsamajn (aŭ 100 miksitajn) nesialandajn, laŭprefere. Por 4 kuponoj, mi sendos saman kvanton da neeŭropaj.

---

**Ofico.** — S-ro Santamaria, bankoficisto, serĉas oficon en Svisujo aŭ Francujo. Oni postulu referencojn ĉe la Banco de Viscaja, Bilbao, Hispanujo. Kondiĉojn oni sendu al : Esp.-Oficejo, Bidetartieta 9, Bilbao.

---

**Portretoj.** — V. Zanspassky, Osnabruck, Joh. mauer 25, Germany, deziras ricevi bildkartojn de monumentoj, famaj viroj kaj virinoj (eltrovintoj, verkistoj, pentristoj, k. t. p., sed ne reĝoj, generaloj aŭ religiuloj). Oni gluu la markojn sur vidajflankon neuzitan por skribi ; ĉiu esprimu sian deziron.

---

**Ofico.** — 21 j. klera Bohemo, plenuminta studojn en supera komerca kaj teksindustria lernejo, parol. kaj skrib. esper., boheme, germ., kaj iom france, germanstenografiisto, bona matematikisto kaj geografo, serĉas oficon en fabriko aŭ komerckontoro en Svis-, Franc- aŭ Belglando, por praktike ellerni la francan lingvon. Oni skribu : Bohemo, Esperanta, r. Bovy-Lysberg, 8, Genève (Svis.).

---

**Korespondanto.** — Mi volas fariĝi korespondanto al ia Esp. gazeto. Proponoj kun kondiĉoj adresu al Francisko Cech ĉe landegado Registraturo, Sarajevo (Bosnia).

---

!! **Alvoko** !! Ĉiu scianta adresojn de Esperantistoj en la sudaj landoj de Aŭstrio-Hungarujo estas petata kore per tio ĉi sciigi ĝin al ni pro la intencota fondo de sudaŭstra Ligo esperanta !
Adreso : Delegito-konsulo Rich. Felser eand. phil., Graz, Klosterwiesg. 46.

---

**Ilustritaj poŝtkartoj.** — Serioze interŝanĝas sen korespondado, kun tutmondo : G. Verbaet, Ket Straat 89, Borgerhaut-Antwerpen (Belglando).

---

**Ofico.** — Jonko Davidoff, Silistra (Bulgarujo), serĉas galvaniziston por sia fabriko. Oni skribu pri si mem, sia aĝo, lingvoj kiujn oni parolas.

---

**Papilioj.** — S-ro A. Gannier, 4, rue des Lisses, Chartres (E. & L., Francujo), deziras interŝanĝi papiliojn el la tutmondo.

---

**Ofico.** — 26 jara esp-isto., franca, tre deziras trovi oficon en magazeno de ŝtofoj, Germanujo aŭ Svisujo, por perfektiĝi en germana lingvo. Bone konas la komercon. Por proponoj sin turni al « ESPERANTO », 8, rue Bovy-Lysberg, Genève (Svislando).

---

**Aferistoj.** — Profitigaj mondeponoj kontraŭ unuagradaj garantiajoj estas perataj de *Hjalmar Bäckström*, Stockholm, c. *Telegrafadreso : Esperanto.*

---

**Samideanoj** — **Parizo** : *ĉiujaŭdon vespere*, kafejo A. Béranger, 180, rue du Temple ; *ĉiumardon vespere*, « Popola Bibliotekejo », 78, rue de Flandre.

## Komercaj reklamoj

**Komerco.** — Firmo por importo kaj eksporto en Italujo, A. Tellini kaj filoj. Bologne, casella postala 12, aŭ Mura d'Azelio, 600.

---

**Kafejo.** — S-ro M. Wynandts, kafejestro en Watergraafsmier, apud Amsterdam, Ringdyck 49, presigis sian prezaron esperante kaj holande. Bonaj artikoloj, malaltaj prezoj. Oni vizitu la kafejon « La Estonto ». Prezaro sendata laŭ peto.

---

**Gazetoj.** — H. T. Bailey, 31 Caversham Rd., Kentish Town, London, deziras aĉeti nebinditajn jarkolektojn da Lingvo Internacia (1897, 1899, 1905) ; ankaŭ Esperantisto (1889 ĝis 1895) ; ankaŭ eĉ po unu ekzemplero de : Esperantiste Canadien, La Espero (Bulg.), Mondlingvisto, Lulea Gaz., Tampere Gaz., Stockholm Gaz., Norda Stelo (Rusl.), La Tria (Cambridge), Esp por Studentoj (Praha), Södertelge Tidning (1901-03). Skribu tre klare.

---

**Rozarbetoj.** — Vienne (Isère-Francujo). — S-ro Philibert Moussier, rozkulturisto, rekomencas siajn sendajojn tra la mondo, kaj sendos kiel reklamo, poŝtan paketon da 3 kg. enhavanta de 10 ĝis 15 belegajn diversajojn de rozarbetoj, po poŝtmandato da kvin frankoj, kosto de l'transporto plie.

---

**Hotelo.** — Hotel des Trois-Rois (esperantista), strato St Rémy, Meaux (Francujo).

---

**Piedŝvito.** — Nepra kuracilo, sendanĝera por la sano. Brissonnet, apotekisto, en Loches (I. & L., Francujo). Poŝtmandata prezo : Francujo, 1 Sm., alilando, 1,20 ₷.

---

**Marmoroj.** — S-ro R. Richer, en Peruwelz (Belgujo) kaj Fresnes-Nord (Francujo), vendas ĉiuspecajn marmorajojn : kahelarojn, kamenojn, altarojn, tombajn monumentojn, k. t. p.

---

**Standardoj.** — Esperantaj kaj diversnaciaj, artikoloj por ornamo kaj iluminado, esper. ŝildoj blazonformaj, kravatpingloj elektraj stelformaj, insignoj, poŝtuketoj, brakbantoj, k. t. p. Oni petu la prezaron. S-ro L. Cuzon, 52, r. de Paris, Charenton (Seine, Francujo).

---

**Gesamideanoj Rotterdam !** — Ĉiujaŭde vespere je la 8a, amika kunveno, Granda Hotelo Coomans, Hoofdsteeg. Koran bonvenon al ĉiuj.

---

**Silkaj Esperantaj flagetoj.** — Taŭgegaj varbiloj kaj propagandiloj, uzeblaj por ornamado de Esp. festsalonoj. Amplekso : 11/16 cent. Prezo : 12 Sd. unu. Speciala rabato al la grupoj kaj Esp.-Oficejoj por mendo de 50 ekz. Haveblaj ĉe S-ro B. Peyraud, 41, rue de la Loire, St-Etienne (Francujo).

---

**Esperanto en la servo de la Dia regno.** — Monata gazeto por kristanaj unuiĝoj. Ĉiu vera kristana Esperantisto bonvole mendu tiun ĉi gazeton : Paul Hübner, Mulhein-a/-Rhein (Germanujo). Jara abono : 50 Sd. — Oni postulu specimenon.

---

**Kuraciloj, Drogoj, Ĥemiajoj.** — Farmacisto, en Parizo, delegito-konsulo de U. E. A. sin proponas por reprezenti nefrancajn firmojn, kiel deponeja agento. Adr. C. Rousseau, 4, pl. de la République, Levallois-Perret (Seine), Francujo.

---

**Reklamo,** — S-ro C.-A.-G. Browne, reklamagento, 53-54, Wych-Street, London, W. C. (Anglujo), deziras korespondi kun Esperantistoj pri anoncado en britaj, koloniaj kaj fremdaj jurnaloj.

---

**Vinoj.** — *Vinoj ruĝaj, blankaj kaj maljunaj*, nepre naturaj kaj altgradaj (10 ĝis 18°). Sin turni al S-ro. Andreu, *Fourques* (Pyr. O.) France.



FELIETONO DE " ESPERANTO " 7

# LA PATRINO

de **Ernst ZAHN**

(trad. J. Ŝmid, Bern).

Tiuj lilioj kaŭzis ke la du homoj, Peter kaj Lene, dum longa tempo silentadis.

« Ho, vidu do la florojn », fine diras Lene kaj per la mano montras al la lilioj.

« Jes », Peter respondas.

« Tian belajon mi neniam ankoraŭ vidis», tute senspire diras la knabino.

Ili ambaŭ similas al tia hela, pura nokto. Multe da freŝa juneco troviĝas en ili, kaj iliaj vizaĝoj, kiujn la lumo lumizas, ĉiu laŭ sia maniero, estas beletaj : tiu de Peter estas bruna, forta, ankoraŭ senbarba, kun du blugrizaj okuloj sub nigraj brovoj, tiu de Lene ronda kaj plena kun la bela kaj riĉa krono de harligoj ĉirkaŭ la glata kaj blanka frunto, kaj la hela okulo. Ili apogas la manojn sur la benkon kaj kun senpripensa oportuneco svingetas la piedojn.

« Ĉu li forestas, la Amerikano ? » subite Peter interrompas.

« Jes », mallaŭte respondas Lene. Kaj samtempe okazas, ke ŝia mano kuŝanta apud tiu de Peter subite sin metas sur tiun ĉi, kaj ŝia gracia stuturo sin klinas al li. « Se nur li ne revenus », ŝi diras per tremetanta voĉo.

« Kiu ? »

« La kuzo. »

Peter turnas la kapon al la knabino. La moviĝo ne atendita en ŝia brusto surprizas lin ; ŝia vizaĝo perdis ĉian koloron.

« Estas malbonulo, la kuzo », ŝi elpuŝas. « La geavoj devas timi pro li, kaj... mi. »

Ŝia ekscito estas tiel granda, ke ŝi dum momento eĉ ne povas paroli. Poste ŝi finas : « Mi kvazaŭ ne scias kien foriri pro li. »

« Kial ? » demandas Peter. Malrapide liaj brunaj vangoj ruĝiĝas. Li mem ja posedas tiom da nekonscia senkulpeco, ke je tio, kion malkaŝigas al li la vortoj kaj la timego de l'kabino, la sango al li suprenpelas en la vizaĝon. Poste kaŝita bona kolero komencas bruli en liaj okuloj.

« Li ĉiam persekutas min. Ja dufoje li nokte volis eniri mian ĉambron », balbutas Lene.

« Tia, tia ! » Peter ne trovas la insultnomon sufiĉe akran por karakterizi Georg. Poste li riproĉas al Lene, ĉar ŝi nenion diras al siaj geavoj.

« Ĉar, ĉar, ili neniel povas sukcesi kontraŭ li, kaj ĉar ili jam havas sufiĉe da ĉagreno », ŝi rediras.

La lastan vorton ŝi apenaŭ povas diri, ĉar sur la strato aŭdiĝas paŝoj, kaj la nokto estas tiel hela, ke ili jam de malproksime ekkonas Georg, kiu, apogita sur sia hokbastono, alproksimiĝas venante de for la vilaĝo. Kie li estis, ili ne scias ; ambaŭ nevole ekstaras de sia seĝo ; sed kiel ili ekvidis la alvenanton, tiel li atentis pri ili, kaj por ke ne ŝajnu, kvazaŭ ili volas kaŝi ion, ili denove, kiel laŭ interkonsento, sidiĝas ĉe la sama loko.

Georg fajfas laŭte, kaj kelkafoje alproksimiĝante svingas la bastonon. Kiam li malfermas la ĝardenpordon, li aŭdigas ofendetan ektuson. Senzorge li alpaŝetas. Pro la lunlumo ili povas vidi kiel alta kaj forta estas lia kresko. En la lunvido liaj lipharoj havas strangan brilon, lia vizaĝo estas pala, despli malhela kaj tamen tiel flagra estas lia okulo.

« Hm », li ree tusas. Poste il haltas proksime de ili.

« Kiel, tie plaĉas al vi, al vi, hm ? » li daŭrigas. Ne en la vortoj, sed en la sono de l'voĉo kaj en la malsuprentiro de unu buŝangulo kuŝas io malrespekta kaj malestima.

« Ha, vi, vi estas pretenda », li samavoĉe aldiras sin direktante al Lene.

Nun Peter leviĝas.

« Lasu nin trankvilaj, vi, » li diras, ne timante ; sole la kolero lin igas pala.

Georg ekridegas. « Ha, ha, ha, tia knabo ! »

« Malbona hundo vi estas ! » respondas Peter furioze kaj ŝajnas, kvazaŭ li demonstracie volas preteriri. Nun Georg levas la pezan pugnon kaj bategas lin sur vizaĝon. « Jen vi havu vian hundon ! »

Lene ekkriegas. En la domo pordoj malfermiĝas. Peter sin turnas kaj, kvankam duone sveninta, ekprenas la kontraŭulon per ambaŭ brakoj. Tiu ĉi lin depuŝas kaj levas la bastonon ; ĵus kiam Balbino kaj Tobias eliras el la pordo, la bastono malsupren svingas. La bato trafas nur la ŝultron de Peter, tamen ĵetas lin teren, kie li pro doloroj kurbiĝas.

« Pedikulo ! » diras Georg.

La alia malrapide kaj pene stariĝas kaj sentas furiozon kaj honton dum momento pro sia senpotenceco. Poste li elpuŝas raŭkan sonon kaj denove volas ataki Georg. Sed Balbino intervenas. « Iru hejmen », ŝi diras al Peter, kaj kun memkomprenebleco, kvazaŭ ŝi ordonas al duonkreskinta knabo, ŝi prenas lin ĉe la mano kaj kondukas lin antaŭ la ĝardenon. Kaj Peter iras, ne pro malkuraĝo, nur tial ĉar en tiu ĉi simpla homo troviĝas io delikateca, kiu lin sentigas, ke li faras servon al la virino kaj la maljunulo, se li iras.

Dume Lene estas sekrete inirinta la domon ; Tobias kaj Georg sur la ĝardenvojo, laŭ stranga sintenado kaj kiel du murmurantaj hundoj ankoraŭ kontraŭstaras unu la alian. En la momento, kiam Balbino ree venas al ili, Georg suprentiras la ŝultron, kaj, ekpuŝante la patron, preterpaŝas kaj eniras la domon. Malrapide, Balbino antaŭe, la maljunaj sekvas, kaj en la stubo ĉiuj renkontas sin.

« Alportu glason da vino », Georg maldelikate ordonas al Lene.

Balbino forŝovas la knabinon de antaŭ la ŝranko, kien ŝi obeeme alpaŝis ; sed ŝi ne faras mienon, kvazaŭ ŝi volas doni al la filo, kion li postulas.

« Kiel la malpaco komencis ekstere ? » ŝi demandas.

« Pro mi ĝi komencis », balbutas Lene ; ŝi estas furioza, svingas la manojn tien kaj ĉi tien pro timego, kaj la vortoj elpuŝiĝas preskaŭ kontraŭ ŝia volo. « Li persekutadas min, la kuzo ; malbonon li postulas de mi... »

Georg sin ĵetis al la tablo. Al la tablo ankaŭ venas la patro. Dum malmulte da semajnoj li maljuniĝis. Lia staturo ŝajnas pli maldika, lia vizaĝo enfalis. Li klinas sin antaŭen kaj la longa barbo preskaŭ tuŝas la tablon. « Foriru el la domo », li spiregante elpuŝas. « Pli volonte mortigu min, antaŭ ol mi toleras vin en la domo ! »

Balbino staras post li. Ankaŭ ŝi antaŭen kliniĝas. « Tiel, tiel malbona vi fariĝis ! » ŝi elpuŝas ; ambaŭ sekigitaj manoj al ŝi ektremas pro tiuj vortoj. « Iru », ŝi ankaŭ aldiras.

« Nur se mi volas », murmuras Georg.

« Ni vin denuncos, se vi ne iras bonvole », diras Balbino. Sed la patro ne sin detenas pli longe, flanken puŝas ŝin kaj ekprenegas la filon. « El la domo vi iru, sentaŭgulo ! »

Ili batalas inter si.

« Jesuo, Dio mia, helpu ! » ekkriegas Lene kaj forkuras el la stubo. Sed Balbino sekvas kaj revokas ŝin per senspira, sensona voĉo : « Ho, do silentu, nepre revenu ! » Ŝi ne volas ke oni ekstere aŭdu kaj vidu kiel granda estas la mizero en ilia domo. Kiam ŝi revenas en la stubon, Tobias jam kuŝas sur la genuoj, teren premita de l'filo.

(*Daŭrigota*).

Pres. Ch. Zœllner, Genève